Al GEORGI DIMITROV

Moskva

La bulgara esperantistaro, kunveninte en sia unua libera kongreso en Sofia, sendas al Vi patriofrontajn batalsalutojn kaj promesas utiligi siajn larĝajn internaciajn rilatojn por forigi la malican malamikan propagandon kontraŭ nia demokratia patrolando.

Prezidanto Triĉkov



Al s-ro TRIĈKOV

Prezidanto de la kongreso de bulgara esperantistaro — Sofia

Mi dankas la salutojn de la kongreso de bulgara esperantistaro. Miaflanke mi salutas vin pri la tutpopola festotago de la libero—la historia kaj savanta por nia patrolando 9-a de Septembro.

G. Dimitrov

## DEMOKRATIA JUNULARO EN BULGARIO SOMERUMAS

Tendaro „Jordanka Cankova" super vilaĝo Bojkovo, Plovdiva regiono, troviĝas meze de bela montara naturo. Ĝi portas la nomon de juna heroino, pereinta en la sangbatalo kontraŭ barbara faŝismo. En tiu ĉi tendaro, ripozis dum la tuta somero junaj anti-



Lecionoj pri kulturtemoj meze de la centjara pinarbaro. La lektoro Ivan Dionisiev parolas



Levo de la standardoj — la nova tago komenciĝas

faŝistoj, filoj de pereintaj en la batalo partizanoj kaj politmalliberuloj.

Post 21-jara sangfaŝista regado nun por unua fojo la bulgara junularo povas libere spiri kaj ĝoji meze de la bela bulgara naturo, praktikante sporton, ludojn, kulturajn okupiĝojn ktp.

La viktimoj donitaj en la batalo tute ne iris vane. Ni akiris la plej karan —la liberon, kaj ni ĝin gardos per ĉiuj fortoj.

Plovdiv. Slavĉo Karp

# GLORA DATREVENO

La tuta bulgara popolo ĵus festis la unuan datrevenon de sia liberiĝo. La 9-an de Septembro 1944, per popola ribelo, Bulgario forigis la faŝistan reĝimon kaj establigis demokratian aŭtoritaton.

La aŭtoritato de la demokratia Patria Fronto savis nian landon de nacia katastrofo, pli terura ol la katastrofoj en 1913 kaj 1918. Ĝi likvidis la terurplenan, humiligan kaj sangoverŝan jugon por la bulgara popolo, — la jugon de faŝista bando de perfiduloj kaj aventuristoj. Ĝi redonis la liberon al la bulgara popolo kaj la sendependecon de la lando, okupita kaj bandite rabata de la germanaj konkerintoj. La 9-a de Septembro 1944 forlavis la hontmakulon desur la honesta frunto de nia popolo kaj redonis al ĝi la konfidon de la slavaj popoloj kaj antaŭ ĉio, la konfidon de la granda frata rusa popolo, samkiel la konfidon de la ceteraj demokratiaj kaj liberamaj popoloj.

Sen la dato 9-a de Septembro 1944 la bulgaroj nun troviĝus sur la fundo de la abismo, frakasitaj kaj malŝatataj de ĉiuj.

Tial la tuta bulgara popolo kiel unu homo manifestis antaŭ la tuta mondo sian ŝaton al la afero de 9-a de Septembro, al la libero kaj sendependeco de sia lando, al la demokratiaj rajtoj ĝuataj nun de ĝi. Ĝi fervore gardos ilin kontraŭ ĉies atako.

La bulgara popolo per impona kaj brilanta maniero manifestis sian pretecon kaj neŝanceliĝeblan decidon, subteni en la antaŭstaranta balotado la popolan demokratian registaron de la Patria Fronto.

La bulgara esperantistaro ankaŭ decide kaj unuanime stariĝas post la savanta Patria Fronto, kiu donis al nia movado la rajton libere spiri, vivi kaj kreski, libere organizi sin kaj digne labori por la bono de nia patrolando kaj de la tuta demokratia mondo.

A. Grig

# 9-a de SEPTEMBRO

**La 9-an de Septembro 1944 la bulgara popolo ribelis kaj renversis, per la potenca heplo de la liberiganta venkoplena Ruĝa Armeo, la faŝistan reĝimon en Bulgario.**

Dum mateno orvelura
vekis sin la granda urb.
Suno brilis helpurpura,
tra la stratoj ehis „hura"
kaj mirinda voĉmurmur.

Interkisis sin la homoj
kaj ĝojkriis kun jubil...
Preter ornamitaj domoj
procesiis homkolonoj
en la luma suna bril.

Kio trafis la popolon,
ke ĝi tra la stratoj rulas,
ke ĝi bolas, bolas, bolas?...
kion ĝi hodiaŭ volas?
Ĉu ĝi eble somnambulas?

Ho, vekigis ĝi, la brava!
Ĝi leviĝis de l'profundoj.
El suferoj — tuta maro —
ĝi elkreskis fortikstara,
pli hardita per la vundoj!

Tremu vi, faŝistaj bandoj!
Komenciĝis tago hela:
laboristoj, kamparanoj
estos plue la regantoj
de patrio nia bela!

GEORGI DIKOVSKI

# MAKSIM GORKI SKRIBAS PRI ESPERANTO

*La granda revolucia verkisto Maksim Gorki estis granda amiko de Esperanto. Pro lia progresemo, veremo kaj artoplena verkado li estas treege amata inter la bulgara laboristaro kaj speciale inter la bulgara esperantistaro. La Esperanto-societoj en Sofia kaj Svilengrad portas lian nomon.*

*Li havas plurajn favorajn eldirojn pri nia lingvo.*

*En unu el siaj leteroj, direktita al la blankrusiaj samideanoj, li diras:*

„La deziro krei lingvon komunan por ĉiuj homoj, estis unu el tiuj kuraĝaj ĝis frenezo deziroj, kiuj ĉiam servis, servas kaj servos al la afero de la organizado de la mondo laŭ la volo de la homo kaj por la disvolvo de liaj kapabloj.

Estas fakto nerefutebla, ke kiam la homaro parolas unu lingvon, la laboranta homaro multe pli rapide komprenos la egalecon de siaj interesoj.

La argumento kontraŭ Esperanto estas, ke ĝi estas artefarita lingvo, kaj lingvojn oni arte ne kreas. Mi ne scias kiel estis kreitaj la lingvoj tiam, kiam la homo la unuan fojon sentis la bezonon paroli; la teorioj pri la deveno de la parolo ŝajnas al mi nesufiĉe klarigantaj tiun ĉi proceson. Sed al mi ŝajnas, ke ni homoj rajtas diri: ĉio, kion ni nomas „kulturo", estas kreita de nia scienco, tekniko, arto, parolo — tio nome, kio nin apartigas de la bestoj — ĉio ĉi estas artefarita. La teokulereto estas objekto artefarita, tiel kiel artefaritaj estas la tranĉilo, la botoj, la veturilo, la boato, la aŭto, la vaporŝipo, la libro, la muziko, la bildo.

Por la homo — kiel ankaŭ por la bestoj — estas nature trinki per mano, iri nude, muĝi kiel besto, sed estas tute nenature elpensi Prometeon, Faŭston, Donkihoton.

Ni loĝas en domoj, urboj, inter objektoj, faritaj per la forto de nia racio kaj imago, per la forto de nia volo, por ke nia vivo estu pli facila kaj pli agrabla. Kiam la homoj konscios la bezonon paroli unu lingvon, ankaŭ tio okazos. Ĉio sur la tero estas kreata per streĉo de nia volo, nia racio kaj nia imagokapablo. Homo devas sugesti al si: mi ĉion povas fari.

Ni ne devas timi la kuraĝon kaj la frenezaĵojn dum laborado kaj kreado.

La plej granda kaj plej valora el ĉio, farita de la homoj, estas — la scienco, arto, tekniko. La unua, kaj la dua, kaj la tria — estas tute frenezaj (laŭ ideo kaj plenumo) aferoj".

KONSTANTIN KONSTANTINOV

# M E L N I K

Sulkiginte la brovojn kaj mute, la montaro malkovras malrapide faldon post faldo, en ia senfina kaj laciga monotoneco. Ni rampas laŭ la kavofosita vojo, meze de ĥaosa senordeco de disĵetitaj altaĵoj, dronigitaj en profunda silento. La pretervojaj arbustoj ne susuras, neniu birdo aŭdigas sin. Alblovas dezertecon la senlimaj brunaj montetoj, kaj en tiu ĉi antaŭvespera horo la bruo de la motoro sonas izole kaj senĝoje, per ia malbonsigna klareco, ia sento de io nebule-konata, duone estingiĝinta en la memoro, kaj nun denove ekmoviĝinta en la konscio. Kvazaŭ vi estis iam, antaŭ miloj da jaroj, en tiuj ĉi samaj montokrestoj kaj altaĵoj, kuŝigitaj kiel dorsoj de prahistoriaj monstroj, kaj same tiel malfavore kaj surde ili silentis en tiu malproksima horo de la subiranta suno. Kvazaŭ ia kosma sonĝo de pratempo faligis sin super tiun ĉi perditan lokon kaj hodiaŭ nur la paŝoj vekas tiun ĉi mortan silenton.

Ie en la fundo de la krutaĵo la rivero bruegas senĉese, ŝaŭmanta kaj rapida. La oblikvaj radioj de la suno allumas for tie oriente, algluitajn al la vertikala deklivo kiel hirundaj nestoj, malhelajn dometojn de ia loĝujo. Sed la rivera bruo, kaj la malproksima vilaĝeto, kvazaŭ estas naskitaj same el tiu ĉi senkomenca dormo, kaj ni moviĝas konfuzitaj, kiel en la malbonsigna fabelo pri la endormigita regno.

Kaj kiam post kelkaj minutoj la vojo tute neatendite sin rompas kaj antaŭ niaj okuloj subite, preskaŭ ĉe ni, ekblankas la nudigita skeleto de Mélnik, ni definitive dronas en la timigan regnon de la pasinteco kaj la dezerteco.

Urbo?. . . Ĉu estas urbo ĉi senorda amaso da ruinigitaj kaj duonruinigitaj ŝtonkonstruaĵoj, disĵetitaj sur ambaŭ bordoj de la sekiĝinta riverlito? Tiu ĉi loĝujo sen stratoj, sen parol-bruo kaj sen homoj?. . .

Unu fantomo, silentema kaj tragedia, de malaperinta mondo, unu vizio el alia tempo, lastaj restaĵoj de la stranga mikso de antikva, orienta urbeto kun pure italaj formoj, sub la tutklara turkisa kupolo de tiu ĉi makedona ĉielo. Kiel batal-turoj sin levas sur la deklivoj de la ambaŭ bordoj la restintaj ankoraŭ domoj: kvindek metrojn da ŝtonaj fundamentoj, kun la iamaj, elfositaj interne, melnikaj keloj, kaj sur la supro — la vastaj, ligno- kaj vitroverandoj de la domoj. Stariĝinte sur tiuj ĉi ŝtonaj piedoj ili similas altstaturajn partizanojn, kun blankaj gamaŝŝnuroj kaj bukloharaj feltĉapoj, starante garde kaj fiksinte rigardon al la sudo. Kaj super kaj ĉirkaŭ ili, en larĝa kaj malbona rideto, lumigataj de la suno rikanas la flavruĝaj vertikalaj altaĵoj, kiuj baras en duonrondo la iam florintan loĝlokon.

Kaj silento, freneziga silento regas super tiuj ĉi ruinoj. Du militoj trabruis tie ĉi, unu post alia, kaj ne lasis, vere, ŝtonon sur ŝtono. Kaj hodiaŭ—tiel estas de jaroj jam — la urbo nombras 721 loĝantojn: sola urbo sur la tero, verŝajne, kun 721 loĝantoj. Kaj tiuj ĉi 721 homoj ĝisfinas la dormon de la urbo, de la konstruaĵoj, kiuj unu post la alia detruiĝas, de la dezertigitaj sennombraj vinberejoj ĉirkaŭe.

„Kiam komenciĝas la pluvoj — oni al ni rakontas — dum tutaj tagoj ni ne eliras: la rivero superakvas ĉion, la domoj disiĝas tute. kaj ni atendas ĝis ĝi pasos... Kaj kiam unu konstruaĵo falas — ni translokiĝas en alian...."

Niaj paŝoj sonas sur la kurbigita ŝton-pavimo de



Patrino

la vojetoj. El la embrazuroj de la altaj muroj blovas mucida malsekeco kaj odoro de most-fekaĵo. Sur la vitroj de la verandoj brilas flavaj makuloj de la sunsubiro kaj tie — ĉi tie ekaperas la nigra kufo de maljunulino, kiel antikva gravuraĵo, en la kadroj de la fenestro.

... Tie ĉi estis la iama montara kuracloko de antikva Bizantio. Tie ĉi estis la fora, sed agrabla loko de ekzilo por altaj, laikaj kaj eklezia), ranguloj de la imperio. La urbo de la sepdek tempoj, kies ruinoj blankas sur la kontraŭa deklivo. Pli poste ankaŭ la otomana registaro ne tuŝis tiun ĉi bele kaŝitan, pure bulgaran loĝujon, ŝirmatan de la ombroj de Pirin- kaj

Georgi Pavlov — pejzaĵo



Belasica-montaroj. Sonis ĝoje la kupristaj butikoj, sonoris per kantoj kaj parol-bruo la fortekreskaj vinberkampoj ĉirkaŭe; incensis super la urbeto sian densan bonodoron la nigra mosto; karavanoj de veturiloj grincadis tra la ebenoj de Trakio kaj Makedonio, forportante la densan sangon de la montaro. La



La 9-an de Septembro 1944 la partizanoj almarŝis la urbojn

vivo estis vera vivo — multkolora, animita kaj signifoplena — ne senmemora kaj longa agonio...

Hodiaŭ, unu bakejo, unu butiko-truo, kun pendigitaj ŝnuroj, sakefoj da fazeolo, kelkaj sapoj; la genufleksinta figuro de montarano ĉe du ladovazoj da etaj pomoj — kaj la senpasia suna rideto super tiu ĉi ŝtona tombejo..

Kaj tamen, tie ĉe la enirejo de la urbo, estas brue kaj homoplene. Morgaŭ estas festo kaj sub la centjara platano, kie sin ŝovas malalttegmenta kafejo, kolektiĝas por interparolo malriĉe vestitaj, sed bon-



Partizaninoj

aspektaj kaj gajaj homoj. La fajreranta vino ree ĉirkaŭiras la seĝetojn, du homoj kruele skuas manojn kaj krias: „ducent ormonerojn" — „cent kvindek!" — ili marĉandas ĉevalon. Deflanke, la aliaj ruzete ilin alrigardas kaj primokas. Kaj dum la mallongaj paŭzoj de la parol-bruo alflugas de ie supre kaj malproksime la mola melodio de okarino, kiu kvazaŭ elparolas la konatajn vortojn de la kanto pri la glor-fama makedona gvidanto.

La ombroj plilongiĝas kaj pasas transe, sur la kontraŭan altaĵon. La ĉielo superverŝiĝas per bluverdaj ondoj, la venteto melankolie trabruetas en la branĉoj de la platano. Falas ankoraŭ unu vespero sur la mortan urbon.

Nebula malĝojo superverŝas la aĵojn ĉirkaŭe: kiom vizia estas, vere, ĉio tie ĉi — malsupre, sur la tero!... Kvazaŭ subite la absurdeco kaj la dezerteco de la kosmo alverŝas sian sensonan, glaciigan ridon kaj malheligas la kvietan dian tagon.

Ni adiaŭas kun la urbo kaj kun la homoj. Juna paro, veninta antaŭ kelkaj monatoj el Sofio, nin por adiaŭ akompanas. Palaj, laciĝitaj, sed energiaj kaj saĝaj vizaĝoj; hieraŭaj jungeedzoj, preskaŭ gejunuloj — li kun universitata instruiteco, ŝi kun duonuniversitata, naskitaj ambaŭ sur la bordoj de Vardar. Ŝi sindone apogas sin al lia brako, kaj lia belstatura figuro, ĉirkaŭpremita en kamlota porvoja kostumo, elspiras malmolecon kaj obstinon. Mi rigardas ilin kaj al mi fariĝas time. Kia heroaĵo estas enterigi sian amon kaj junecon en tiun ĉi surdan lokon, kie ĉiu ŝtono alblovas senkonsolecon kaj morton! Sed la retenata, oni dirus — la serioza rideto, kiu lumas en la okuloj de la ambaŭ, tuj nin konfuzas, kvazaŭ ĝi volas diri: „Tio ĉi estas tiel simpla kaj natura: ili venis ĉi tien bonvole, por kune labori. Kio mirinda en ĝi?"

„Mi iros kun vi ĝis ie — diras la junulo.—Kien ĉi tempe? — demandas ni — ĉu ne festo estas morgaŭ?—„Li ĉi matene revenis el la vilaĝo, sed morgaŭ estos dimanĉa lernejo en C. — respondas mole lia kunulino — kaj li ne devas foresti...". Kaj sur la orfajra fundo de la sunsubiro ŝia soleca forsendanta figuro sin tranĉas, alta kaj solena, kiel benanta madono.

Ni ekprenas denove la zigzagan vojon tra la senfinaj altaĵoj. Sur la deklivo, apud unu vojkurbiĝo, du homoj kun fosiloj, fleksitaj en la duonmallumo, taŭzas radikojn ĉe la rando de la maldensa arbaro kaj ebenigas la spacon. Nia kunulo montras la desegniĝantan paralelogramon: „Vidu kiel oni permilitas ĉi tie la teron — manlongon post manlongo... Ili preparas kampon por tabako..."

Kaj subite, vasta lumiĝo disblovas la pezan senton en la urbo. Ia elemente-simpla kaj radianta vero ekbrilas blindige. Tiel sensignifaj aspektis nun ĉiuj eksteraj kaj provizoraj aĵoj, signifoplenaj ĝis antaŭ nelonge: ĉu ili estis la esenco dum la miljara vojo de unu popolo?... Kio, se ruiniĝas apartaj urboj, se pereas homoj—unuoj aŭ centoj? Ĉu la vivo ne estas senĉesa transformiĝo? Sed kies glavo rompos tiun ĉi krudan volon, kiu superas eĉ la naturon, kaj kiu forto estingos tiun ĉi ĝojan konscion pri devo, kiu ne timas la morton?..

En la nigra printempa nokto ekbrilis la lanternoj de la maŝino. Ambaŭflanke kuris la kolere-aspektaj altaĵoj, la kampo malkovris sin — malluma, vasta, plena je ekbolintaj printempaj fortoj. Ni silentis, kuniĝitaj kvazaŭ por unua fojo kun la nekonata kaj granda spirito de nia gento. Trad. D. ZLATARSKI



NIKOLA JONKOV VAPCAROV

# L E T E R O

*Adreso: SENORA FRANCESCA LABORE HUESKA**

Panjo,
Fernandés murdita!
Fernandes
ne vivas, jes.
Fernandes
enterigita.
En la kampoj
lia lit
antau muroj
de Madrid.

Tiom bona estis li,
kial éstas mortigita?
Ĉu per lia morto pli
baldaŭ ĉesos la milito?

Panjo, al vi sola nur
mian diras mi angoron.
Scias vi, ke sen mezur
estas dum milit la ploroj.

Jen, en ies okulpar
provas trovi mi konsolon,
tamen same kun amar
ankaŭ tie larmoj bolas...

Eble mortigita frat,
eble la amato falis,
eble prenis la grenad
belan junon for fatale.

Eble ŝi lin por reven'
kiel mi atendas vane,
el malseka ĉirkaŭpren'
lin la ter ne lasas tamen...

Ne riproĉu sen neces',
panjo, iris li batali —
prava estis Fernandes,
ŝajne ni eraris, male.

Inter ni li sola nur
venis al la ver honesta —
ke pli bona estas murd
ol vivaĉi kiel besto.

Por ni ambaŭ kun facil
tutsufiĉis pec da pano,
sed por la estonta fil
ĉu la pan sufiĉus, panjo?

Kaj alio... En detal
ĝi nekomprenebla ŝajnas.
Oni iras al batal —
kial? Ĉu nur panon gajni?

Oni enterigis cent
kiujn prenis la blindaĝo.
Mi rigardis, sed la cent
ne esprimas sin, domaĝe...

Kiel stranga tio nun,
kiel miris mi, rigida,
kaj en tute nova lum
kiel mi la homojn vidis.

Mi rigardis, kaj vizi'
el la ĉerkoj min imponis —
manojn ili inter si
trans la ĉerk-tabuloj donis.

Unuiĝas en la mort
nur en unu homon ĉiuj,
flamoj de feliĉa sort
brulas en okul-glacio.

Mi komprenis en ĉi hor' —
devis iri li decide.
La karul, pereis for
kaj mi lin plu ne revidos.

Panjo, mortis Fernandes,
panjo, Fernandes pereis.
Kuŝas li sub tera pez,
lian junon vi priveu.

Sed al patro eĉ ne vort,
kaŝu vian vi doloron.
Ĉi doloro lin ĝis mort
trafos... Kaŝe, kaŝe ploru...

Se konjektos tamen li,
se li eksuspektos, panjo,
diru, ke bonfartas ni
kaj atendas la infanon.

„Jam fabelojn Dolorés
nun lernadas" — vi aldonu,
„Nepon ŝi kaj Fernandes
aŭ nepinon al vi donu?"...

Kion skribi en la fin' —
ĉio estus nur sengoja.
Sanu! Via bofilin'
Dolorés Maria Goja.

Trad. D. Zlatarski

* Sinjorino Franĉeska Labore Hueska.



## NIKOLA JONKOV — POETO-REVOLUCIULO

Nikola Jonkov naskiĝis 1909 en Bansko, Macedonio. Kiel mekanikisto sur unu el la bulgaraj vaporŝipoj, li vizitas Aleksandrion, Kajron kaj kelke da aliaj urboj de la Proksima Oriento kaj de la Mediteraneo (1930). Tiu ĉi vojaĝo riĉigas liajn impresojn kaj malkovras antaŭ lia rigardo novan mondon de laboro, lukto kaj revado.

Nikola Jonkov jam de frua aĝo kunligas sian vivon kun la laborista klasmovado. Pro aktiva partopreno en la politika vivo li estas ekzilita (1940). Pro fervora antifaŝista laboro, la poeto 1942 estas arestita de la faŝista polico kaj kruele torturata dum kelke da monatoj. Kondamnite al morto de milita tribunalo, li estas mortpafita kune kun kelkaj grandaj agantoj de la bulgara antifaŝista movado.

Liaj versoj distingiĝas per profunda sociala streĉiĝo. En ili sonas sincera justeco de la vivo, ili estas verkitaj de homo, por kiu la parolo estas faro.

Nikola Jonkov ne estas profesia verkisto. En lia vivo, kiel ankaŭ ĉe la grandaj poetoj, estis kunligitaj en nedividebla unueco — faro kaj verko, lukto kaj kanto. Oni ne povas diri kio ĉe li estas pli signifoplena: la atingaĵoj de poeto aŭ la kuraĝa morto de antifaŝisto. En lia poezio estas respegulataj la bataloj kaj la celadoj de la laborista klaso por pli feliĉa estonteco. Tiu ĉi poezio elradias senĝenan vivkapablon kaj fidon al la homo. Laŭ simpleco kaj klareco de la bildoj, laŭ forteco de la poezia verko kaj laŭ sia profunda enhavo-riĉeco, ĝi staras en la unua vico de la bulgara literatura kreado de la lastaj jaroj. Tial rajte oni povas diri, ke Jonkov estas la plej konsiderinda talento de la juna generacio de bulgaraj poetoj.

Li verkis unu tutan ciklon da profundsentaj versaĵoj, dediĉitaj al la batalo de la hispanaj revoluciuloj kontraŭ la faŝismo. En ili sonas la varmega amo de la batalanto al ĉiu subpremato — ĝi estas la batalema humanismo, kiu forĝas la internacian solidarecon kaj forsendas la homojn batali kaj morti ĉe la barikadoj de ĉiuj landoj de la mondo. Tia humanisto, tia patrioto, tia internaciisto estas Jonkov, renkontinta per kanto la morton por liberigo de la subpremata sklavo.

A. VLAHUTA

# SUR DANUBO

## LA „FERAJ PORDEGOJ"

La suno subiras al okcidento. La suproj de la montoj ŝajnas flamantaj. Malrapide eliĝas kaj sin sternas sur la valojn ombraj kurtenoj.

Antaŭ ni, sur la plumbokolora spegulo de la akvo, aperas laŭlarĝe unue strio, supraĵo flaveta kaj krispa. Ni proksimiĝas la sojlon de la akvofaloj. Danubo ekmuĝas kolerigita — estas turment kaj bolondado de bordo. — Super la abismoj fariĝas grandaj turnakvoj, kiuj sin turnas loke. Tie ĉi la akvo enprofundiĝas bolanta kiel sorbita de la faŭko de akvoturniĝo — tie, ĝi ŝvelas, kaviĝas kaj muĝas, ŝaŭmante, sin frapegante je ŝtonegoj, kiuj ne estas videblaj.

La vaporŝipo iras pli malrapide, pli singardeme. Kvar homoj staras ĉe la rado direktila; ambaŭ ŝipestroj staras sur la ferdeko kun okuloj atente rigardantaj antaŭen; ni pasas tra la akvofaloj. Danubo muĝas pli laŭte. Ferminte la okulojn, oni kredus sin en arbaro dum terura ventego. El ĝia profundaĵo etendiĝas sub la ondoj multenombraj ŝtonaj brakoj, pretaj ekkapti la ŝipon kaj ĝin disrompi en pecetojn, je la plej malgranda neatento. Tie ĉi, sub tiu ĉi turniĝo de ondoj, estas la artikiĝo de Balkanoj kun Karpatoj. Sur iliaj strečitaj pugnoj Danubo sin ĵetas koleriĝinte, rompante bruege la lastajn barilojn kiuj kontraŭstaras ĝian iradon. Kaj, en la konfuzo de tiu ĉi interfrapado de titanoj, ŝajnas, ke ĉiu ondo krias, ke ĉiu ŝtono sin movas. Subite la akvo glitas sur la multangula baraĵo kaj etendiĝas kiel tolo. La batalo, la terura batalo inter la du grandeguloj, kiuj de tie ĉi antaŭen gvidos la limojn de Rumanio, finiĝas. La montoj, venkitaj, deflankiĝas. La horizonto malfermiĝas. De maldekstre, el sub la tranĉrando de monteto, venas la rivero Bahna, por renkonti, por saluti la alvenon de la granda riverego ĉe la sojlon de la Lando, kun kies tero kaj sorto ĝi sin ligas por ĉiam. El kiaj malproksimoj ĝi malsupreniras kaj kiom bataladis Danubo, por ke ĝi trapenetru ĉi tien! Ĝi devis fendi la montojn, fosi sian fluejon en ŝtono tra Karpatoj. Ĝi frapis — kaj la „Feraj pordegoj" malfermiĝis antaŭ la eterna potenco de ĝiaj ondoj.

Nun la bruo moderiĝas; la akvo lokiĝas inter la bordoj kvietigita, glata kiel spegulego. Karpatoj puŝas norden siajn altaĵojn envolvitajn en arbarego. Kelkaj ŝtonegoj, scivolaj, ankoraŭ levas al la verda densejo, siajn senharajn kapojn, kvazaŭ ili volus rigardi ankoraŭ unu fojon tiun ĉi vojaĝantan superakvegon, al kiu nenio povis kontraŭstari.

El la rumana lingvo tradukis
Alex. Pr. Teodorescu.

---

### PRI LA ESPERANTO-STILO

La stilo esperanta ne imitas blinde la stilojn de aliaj lingvoj, sed havas sian karakteron tute speciala n kaj memstaran, kiu ellaboriĝis en la daŭro de longa uzado de la lingvo kaj pensado en tiu ĉi lingvo antaŭ ol la lingvo estis publikigita. Se iu slavo ne havas ankoraŭ sufiĉe da sperto en la lingvo kaj volos traduki en Esperanton laŭvorte el sia nacia lingvo, lia stilo estos tiel same malbona kaj sensenca, kiel la esperanta stilo de nesperta romano aŭ germano.

Zamenhof.

---

# Marko Behar

Marko Behar estas juna, sed jam bone konata ĉe ni pentristo.

Jam liaj unuaj pentraĵoj el la vivo de la hebreoj, lin difinas kiel artiston kun forta sociala sento kaj alta konscienco por civitana respondeco. Formale, ja se oni volas ankaŭ idee, en siaj aliaj laboroj li simi las tre multe al Gross: Tenera, krispa kaj tre nerva linio, strečeco kaj maldolĉa bonhumoro.

Liajn skizojn oni renkontas en ĉiuj progresivaj gazetoj kaj revuoj; li ankaŭ ilustras librojn.

Hodiaŭ Marko Behar estas jam en la unuaj vicoj de niaj pentristoj, grafikistoj kaj antaŭ liaj eblecoj malfermiĝas vasta horizonto.

Marko Behar — Okazintaĵo



---

# DAVID SASONOV

David Sasonov naskiĝis 24. XII. 1907 en Asenovgrad.

Infanecon kaj studadon li pasigis en sia naskourbo. Kiel juna gimnaziano li estas diligenta kaj sciama. Dank' al tio li estiĝas klera jam ĉe l' fino de gimnazistudo. Li scipovas rusan/germanan kaj esperantan lingvojn.

Li lernis la internacian lingvon perfekte. Li tradukis la konatajn bulgarajn verkistojn Petko Todorov kaj Elin-Pelin. Pli malfrue, dum la jaroj 1931—32 kune kun Hrima li tradukis la poemon „Septembro", kiu aperis ĉe la proleta eldonejo „Ekrelo". Li partoprenis ankaŭ ĉe la tradukado de verkoj de Georgi Karaslavov, Jordan Jovkov kc.

David Sasonov estis talenta pedagogo. Li gvidis ĉiujare kursojn, kiujn vizitis dekoj kaj centoj da gelaboristoj. Li estis kapabla instrui la lingvon tiel al inteligentuloj, kiel al laboristoj.

Dum la dua mondmilito David Sasonov staras sur antifaŝista pozicio. Li senmaskigas la rabmiliton de Hitler.

Kiam en 1941 jaro la germanaj faŝistoj okupis nian landon kaj deklaris militon al USSR, Sasonov ekstaris decide ĉe la flanko de la antifaŝistoj. La germanoj havis sukcesojn en la komenco de la militiro. Ili surdigis la mondon per siaj provizoraj sukcesoj. Troviĝis ankaŭ en Asenovgrad perfiduloj, kiuj sub-



tenis la propagandon de l' Hitleranoj. D. Sasonov senmaskigis ilian mensogon kaj inspiris al la ŝancelemaj tidon pri la fina venko.

La faŝistaj agentoj ne povis toleri tian civitanon kiel lin, kiu kuraĝe defendis sian landon. Oni internigis lin (1942) en regiono de Zlatograd. Tie oni submetis lin al netolerebla vivo. Oni senigis lin de nutraĵo, senigis de libero. Lia malfortа organismo ne eltenis. David malsaniĝis. Oni ne permesis al li kuracadon — nenia kuracisto helpis al li resaniĝi.

La 13-an de Septembro 1942 li mortis. La faŝistoj atingis sian celon. Ili mortigis unu el la plej bonaj esperantistoj kaj komunistoj.

La kulpuloj pri lia morto kaj pri la morto de dekoj kaj centoj da popolbatalantoj — la policestro de Asenovgrad, lia helpanto kaj unu polica serĝento — ricevis justan punon de la Popola Tribunalo de nova demokratia Bulgario. Ili ne plu makulas la honestan bulgaran nomon.

Hrima — Plovdiv

# Eterna movo

La homoj venas kaj foriras
aliaj venas sur posten'
kaj kiam ili sin retiras —
ne ŝiras — tamen — sin la ĉen'.

Ĉi estas ja eterna movo,
senĉesa pelo tie-ĉi!
Inerta resti — eĉ ne provu!
Marionetoj estas ni!

Sed — moviĝante — ni batalas
kaj — sur la sabloj de la temp —
per niaj faroj ni signalas
ke venas, venas la printemp!

Ruĝa Ĉapeleto

# Konstantin Konstantinov

Konstantin Konstantinov estas unu el la plej konataj kaj distingindaj reprezentantoj de la nuntempa bulgara literaturo. Li naskiĝis dum 1890 j. en Sliven.

Konstantinov eldonis la rakontojn: „Al la proksimulo", „Amo", „Tria klaso", „Tagon post tago", „Je la sepa horo matene"; la romanojn: „Sango", „La koro en la kartona skatolo" en kunlaborado kun Svetoslav Minkov kaj la vojaĝpriskriboj: „Ĉirkaŭ la mondo" kaj „Nia bela lando".

Li pentras kaj priskribas la urban vivon — kun ĝiaj kondiĉoj kaj malsimplaj konfliktoj, kun ĝiaj homoj kaj iliaj interrilatoj. Li estas realisto: pentras la realecon tia, kia ĝi estas, penetrante profunde en la personaj kaj sociaj konfliktoj. De tie ĉi venas la psikologismo de Konstantinov. Rilatante kritike al la pentrata realeco, tipa por unu burĝa-kapitalista societo, Konstantinov posedas rimarkindan socian senteblecon— li pentras la degeneron de unu socio kun profunda simpatio al ĉiuj subpremataj kaj malriĉuloj, premegitaj de la kondiĉoj de la vivo, revantaj por alia, pli bona vivo. En tiu okazo Konstantinov distingiĝas plene kiel verkisto-humanisto kun sento por homeco kaj socia konscienco.

Por li oni devas diri ankoraŭ ion pli: Li estas kosmopolito. Veturinte multfoje tra Eŭropo, li estas aŭtoro de vico da belegaj vojaĝpriskriboj, skribitaj kun profunda sento kaj kun brila stilo.

Tiuj ecoj montras Konstantinov kiel unu el la ĉefaj reprezentantoj de la nuntempa bulgara literaturo. Ne hazarde li estas hodiaŭ prezidanto de la Unuiĝo de la bulgaraj verkistoj.

## KUNLABORADO INTER LA BULGARAJ KAJ RUMANAJ PENTRISTOJ

Al la tradicia ekspozicio de la rumana pentrarto kaj skulptado dum tiu ĉi sezono en Bukureŝto ankaŭ estis invitita la Unuiĝo de la bulgaraj pentristoj. La bulgara pentrarto estis prezentita en la rumana oficiala salono en la galerio „Dales" per grupo de 23 pentrartaj, 9 grafikaj kaj 8 skulptaj laboraĵoj.

Tio estas la unua paŝo por kunlaborado inter rumanaj kaj bulgaraj pentristoj. En amika konferenco raportis ankaŭ bulgaraj delegitoj. Oni konkrete decidis interŝanĝi pentristojn kaj skulptistojn, akceli la bonnajbarajn interrilatojn ktp.

Hodiaŭ klare oni konceptas la unuecon en la deziro de la bulgaraj kaj la rumanaj verkantoj por paca kaj konstrua kunlaborado, kaj ankaŭ por konfirmo de la demokratiiĝo de la arto.

# LA UNUA LIBERA

Kiel songo restis en la memoro la bela kongreso en Loveĉ. Lasta radio en la antaŭmilita vivo de la bulgaraj esperantistoj! Ĝi okazis antaŭ la komenco de la plej nigra faŝista teroro. Pro tio ĝi restis kiel romantika angulo de nia agado. Ni disiĝis gajaj kaj entuziasmigitaj, sed ni... ne plu kunvenis. Kvin jarojn ni ne intervidiĝis, sciante nenion unu pri alia! Ekfuriozis plej kruele la faŝisma tiraneco. La landon okupis la germanaj banditoj kaj enigis siajn rabajn ungojn en la korpon de nia popolo.

La malliberejoj rapide plenpleniĝis. Oni komencis amasan konstruadon de... pendigiloj! Multaj gejunuloj, batalantoj por libero kaj tute senkulpaj virinoj, maljunuloj kaj infanoj estis pendigataj kaj pafmortigataj. Ĝi estis infero, nekonata en la historio! La bulgara tero — forrabita, la vilaĝoj—bruligitaj. La restinta vivanta loĝantaro — en koncentraciaj kampoj, en pena kaj kadukiga laborado ĉe mortigaj vivkondiĉoj.

Multaj fidelaj filoj de la popolo kun pafilo en mano forkuris en la ŝirmantan Balkan-montaron por defendi la rajtojn kaj la honoron de siaj gefratoj, gepatroj kaj infanaro. Multaj samideanoj — esperantistoj ankaŭ pereis en la kruela batalo kontraŭ la hitlerismo kaj la bulgara faŝismo.

Sed... venis la 9-a de Septembro 1944 jaro. La hela tago de liberiĝo de l' faŝistaj katenoj. Nevidita jubilo kaj entuziasmo! Jen, tiu historia dato por la bulgara popolo permesis ankaŭ al la esperantistoj denove kunigi siajn fortojn, reorganizi la societojn kaj rekomenci agadon. Jen, tiu epokofaranta dato permesis, ke ni denove kunvenu el tuta Bulgario en la ĉefurbon por planigi nian agadon.

La duan de Septembro 1945 — la unua libera kongreso de la bulgaraj esperantistoj! Kiel ĝojege! Kun kiel granda entuziasmo ĝin ni atendis!

La unua libera! Post kvinjara disiĝo ni denove estas kune. Denove aŭdiĝas la belsona Esperanto! Post kvin jaroj da turmento kaj teroro! Nun ni povas tute libere diri nian parolon, ni povas tute libere, ĝenate de neniu, uzi nian karan lingvon Esperanto. Nun ne ĉeestas plu agentoj de la polico en niaj kunvenoj, nin ne atendos aresto post la eliro.

Multaj el niaj agemaj samideanoj forestas. Ili ne plu aperos inter ni. Ilin forrabis la sovaĝa faŝismo. Ni honoras ilin, la bravajn batalantojn por la nuna libera, feliĉa vivo!

Armea ĥoro plenumas nian himnon! Ĉu antaŭ ĝi estis ebla? Postsekvas paroladoj, gratuloj... aplaŭdoj. Poste.. la laborkunsidoj. Nova tempo — novaj taskoj. Viglaj diskutoj. Amasa internacia korespondado, kursoj, radio-propagando, „Internacia Kulturo", esperanta kooperativo, intersocieta konkurado... Jen nia estonta agado! Antaŭ ni estas malfermitaj larĝaj horizontoj.

Ĉion ĉi ni dankas al la 9-a de Septembro! Vivu la Unua libera Kongreso!

Kun vervo ni plenumu ĝiajn decidojn!

Violin Oljanov

## LA NOVA CK

La nove elektita Centra Komitato de BEA konstituiĝis jene:

Prof. d-ro Stojan Ĝuĝev (prezidanto) — ĝeneraligo de la laboroj, kontrolo pri plenumo de la taskoj;

Vitali Julzari (sekretario) — organizaj demandoj, kaso;

Asen Grigorov (redaktoro) — agitado kaj propagando, organizado de internacia korespondado;

Ivan Sarafov — Scienca Esperanto-Instituto, organizado de kursoj;

Svilen Sokolov — direktoro de la Asocia presejo;

Ivan Iliev — laboro ĉe la amasaj organizoj;

Evstati Cifudov — ekonomia fako, esperantista kooperativo.

## VARNA DEKLARAS KONKURADON!

Esperanto-societo „Albatro" en Varna deklaras konkuradon al societo „Kulturo" en Plovdiv por varbo de abonantoj al „Internacia kulturo". Limtempo: 20-a de Novebro. „Albatro" preparas planon por ĝenerala konkurado kun „Kulturo".

Plovdivanoj sin preparu por serioza batalo kun varnanoj!

„Albatro"

## Funebra rememoro

Todor Angelov Kolarov, naskiĝis en la historia vilaĝo Batak 1897. Disĉiplo kaj adepto de Petr Toŝkov tiel en la socialaj ideoj kiel en la Esperanto-movado. Li fariĝis gvidanto de nelegala grupo 1941. Dum la printempo 1944 la tuta grupo, konsistanta el 151 personoj, inkl. 30 Batakanoj, estis kruelege masakrita de la faŝistaj bandoj. Kun ili pereis ankaŭ s-no Kolarov.

Angel Georgiev Ĉauŝev de Batak, 38-jara, ankaŭ disĉiplo kaj adepto de Petr Toŝkov. Butikisto. Pereis en la taĉmento de Kolarov.

Nikola Petrov Velkov, 30-jara, naskiĝis en vil. Radilovo (Peŝtera), loĝis en Batak. Komencanta, sed multpromesa samideano, pereis en la sama taĉmento.

Samideanoj, riverencu antaŭ ilia hela memoro!

## Bonhumoro

### SEN ĜOJO KAJ TUTE SEN FORTO

Oni anoncas, ke d-ro Robert Lei estas trovita en Aŭstrio en tre originalaj vestoj — blua dormoĉemizo, verda ĉapelo kaj, krome, kun barbo. Kiam oni kaptis lin, li deklaris: „La vivo ne ŝajnas al mi kiel malbenaĵo", kaj jetis la boteleton plenan je veneno.

Ke la vivo tute ne estas malbenaĵo, ni ne kontraŭdiras. Ke d-ro Lei ne kuraĝis sin mortigi, ankaŭ estas komprenebla. Sed kiajn iluziojn li havas pri si — jen kio ne estas klara al ni. Ni demandos pri tio la milionojn da „fremdaj" laboristoj en Germanio. Ili plej bone klarigos la aferon.

## JUNULA ESPERANTO KONFERENCO

En Bracigovo (Suda Bulgario) 23. IX 1945 okazis konferenco de esperantistoj el Peŝtera, Ravnogor, Kozarsko kaj Bracigovo.

La voĉdonita rezolucio insistas pri akcelo de la internacia korespondado, organizado de Bulgara Esperantista junulara asocio kiel sekcio de BEA kaj aliaj gravaj punktoj.

# REZOLUCIO

## PRI LA INTERNACIA KORESPONDADO, AKCEPTITA DE LA 28-a KONGRESO DE BULGARAJ ESPERANTISTOJ, OKAZINTA LA 2, 3 kaj 4-an DE SEPTEMBRO 1945 JARO EN SOFIA

1. La fundamenta ŝanĝo, kiu okazas en la liberigitaj de la jugo de la barbara faŝismo kaj de la reakcio landoj sur la Balkanoj, Pollando, Ĉehoslovakio, Francio, samkiel ĉe la popoloj de Usono, Britlando, Ekstremorientaj popoloj—unuvorte ĉe la popoloj preskaŭ de la tuta mondo—tiu ŝanĝo estas ilia demokratiiĝo.

La demokratiiĝo ne limiĝos en la kadroj de la apartaj landoj. Estas klare, ke ankaŭ la internaciaj rilatoj neeviteble demokratiiĝos.

Sed por ke la internaciaj komunikiĝoj fariĝu facilaj kaj amasaj, krom la malhelpoj, kaŭzataj de la tutmonda plutokratio kaj reakcio, ekzistas ankoraŭ seriozaj malhelpoj de teknika karaktero. La landlimoj malrapide kaj malfacile malfermiĝas, por doni vojon al la libera kaj intensa interŝanĝo de homoj, varoj, kulturvaloraĵoj, politika sperto kaj ideoj. Grava malhelpo por la kreo de amasaj komunikiĝoj inter la popoloj estas ankaŭ la manko aŭ la neutiligado de facila internacia helplingvo.

2. Pro la krima kulpo de la faŝismaj reĝimoj antaŭ la 9 Septembro 1944, nia patrolando estiŝ izolita de la tuta demokratia kaj liberama mondo. Kvankam post tiu ĉi dato, dank al la nova popola aŭtoritato de la Patria Fronto, Bulgario sukcesis certagrade disŝiri sian izolecon — estis kreita sincera, proksima kaj daŭra amikeco kun Jugoslavio, kun nia duobla liberiganto — Rusio kaj kun la aliaj slavaj landoj — tamen restas eĉ nun ankoraŭ multe da landoj, precipe la okcidentaj demokratiaj ŝtatoj, kiuj ne konas la veran situacion de nia Patrio, ĝia popol-demokratia registaro, leĝokreado kaj reformoj. Por tiu ĉi nekono de la esenco de patriofronta Bulgario kontribuas ankaŭ ĝiaj internaj kaj eksteraj malamikoj.

3. Per siaj ĝisnunaj faroj, per la sennombraj viktimoj donitaj en la lukto kontraŭ la faŝismo kaj por la almilito de popolaj rajtoj kaj libero, la bulgaraj esperantistoj donis multajn pruvojn pri sia patriotismo kaj oferemo.

4. Nun ili denove ekstaras sur sia patriota batalposteno ĉe la internacia sektoro, energie restarigante siajn malnovajn internaciajn ligojn, kreas novajn ligojn kaj per siaj korespondaĵoj refutas la mensogojn kaj la kalumniojn de la popolaj malamikoj.

Ĉiujn ceterajn demandojn: asocian organizacian laboron, eldonan agadon, ĉiujn siajn fortojn kaj rimedojn ili direktas kaj subigas al tiu ĉi ĉefa celo: per sia lingvo kaj internaciaj ligoj servi al la demokratio kaj al sia patriofronta ŝtato.

5. La bulgaraj esperantistoj konsideras kiel sian devon helpi konsiderindajn tavolojn de nia laboristaro, kamparanaro kaj popol-inteligentularo interligiĝi, helpe de la internacia lingvo Esperanto kaj de aliaj lingvoj, kun vastaj popolamasoj de aliaj landoj. Tiamaniere la esperantistoj kontribuos por la disvolviĝo kaj enprofundiĝo de la internacia solidareco kaj de la frataj rilatoj inter la postmilita demokratia mondo.

6. Ili devas ligi kaj apogi sin sur la larĝa kaj firma bazo de la amasoj, organizante kolektivan korespondadon inter fabrikoj, entreprenoj, oficejoj, ekonomiaj, kulturaj, sportaj, kooperativaj kaj aliaj organizoj, profesiaj unuiĝoj kaj societoj, patriofrontaj komitatoj, junulaj organizacioj, virinaj societoj ktp. kun samspecaj aŭ proksimaj laŭ profesio kulturaj kaj aliaj orgenizacioj, entreprenoj ktp. en la aliaj landoj.

Tiucele la esperantistoj devas vivi intensan socian vivon — esti membroj kaj aktive partopreni la vivon de la proforganizaĵoj, kvartalgrupoj sportaj societoj, kooperativoj, publikaj legejoj ktp.

7. La presan kaj ĵurnalistan agadon la esperantistoj devas meti sur la bazon de sia praktika koresponda k alia laboro, t. e. publikigi en nian k en la alilandan gazetaron korespondaĵojn k aliajn materialojn, ricevitajn k senditajn laŭ la linio de la internaciaj ligoj.

La asocia presorgano „Internacia Kulturo“ fariĝu organizanto de la amasa internacia korespondanta movado en nia lando.

8. Nur tiamaniere la bulgara esperantistaro metus fortikan amasan bazon sub la bulgaran esperanto-movadon; nur tiel ĝi akcelus la efektivigon de la politiko de la patriofronta registaro k pravigus sian ekzistadon.

---



Se iu samideano vojaĝos alilanden, li estas petata antaŭ ol forveturi nepre viziti la kancelarion de Centra Komitato, str. „Graf Ignatiev“ 2, de kie li ricevos instrukciojn koncerne la Esperanto-laboron en alilando, estos kunligita kun fremdlandaj esperantistoj ktp.

# NIA KLASĈAMBRO ESTIS LA KAMPARO

La esperanta vivo en nia vilaĝo aperis en la komenco de la milito. Ĉe tre malfavoraj kondiĉoj ni malfermis publikan kurson kun 10 entuziasmaj kursanoj. La kursĉambro estis la kampo, la apartaj domoj kaj la strato. Sed kiam entuziasmo ekzistas, neniaj malhelpoj estas eblaj. Ni ĉiuj finis la kurson kaj metis fundamenton de la esperantista vivo. Ni komencis korespondadi. La leteroj venintaj el la diversaj Eŭropaj kaj aliaj landoj, plifortigis la intereson al Esperanto. Baldaŭ nia grupo elkreskis super la cetera junularo. Ĝi estiĝis pli klera kaj disciplinita. Sed progresiva grupo ne povas toleri la brutalan faŝistan reĝimon, kiu persekutadis nin kaj la 25-a de septembro 1943 jaro, la tuta grupo rifuĝis al la montaro por jam kum armilo en manoj batali kontraŭ la sanga faŝismo. En tiu ĉi batalo ni perdis unu el la plej sindonaj al la patrio kaj Esperanto, kamaradon Dimitr Blagoev, partizana nomo Bonĉuk, politikan gvidanton de la grupo. Ni ĵuras je la morto de nia kamarado, ke ni sekvos lian bone elektitan vojon.

Post la fino de la kontraŭfaŝisma milito, ni revenis el la diversaj partoj de la fronto kaj salutis nin je la gajnita libero.

Nun societon ni ankoraŭ ne havas, tamen en nia klubejo, lokita en la bela kooperativa konstruaĵo, ni faras niajn regulajn semajnajn renkontiĝojn, por perfektiĝi en la lingvo.

Baldaŭ ni malfermos kurson.

Tr. Kirev



Marko Behar — Aresto



Marko Behar — Mortpendigo

## SUB LA VERDA STANDARDO

En la periferia kvartalo „Reĝino Johanna" la tuta gejunularo estas organizita en la antifaŝista Laborista Junulara Asocio. Tie ni riĉigas niajn politikajn kaj kulturajn sciojn.



K-do Nikola Iliev Nikolov klarigis al ni la praktikan uzeblecon de la internacia lingvo. 20 gejunuloj kaj 4 plenaĝaj k-doj enskribiĝis en la kurso, kiun ni renovigas je 15. X, studante per la asocia lernolibro.

Okaze de la datreveno de 9-a de Septembro nia Esp. grupo faris manifestacion, kiu havis tre bonan efikon. Ni vigle marŝis sub la verda standardo. Tiamaniere ni propagandis nian lingvon, kiu venkos!

Tilo

## VRACA ORGANIZAS INTERNACIAN KORESPONDADON

Vraca prilaboris modelan planon, kiun CK konigis al la aliaj societoj per speciala cirkulero. Plej gravaj punktoj de la plano estas jenaj:

1. Komenci laŭplanan kaj sisteman korespondadon kun apartaj esperantistoj, kaj Esperanto-organizoj, redaktoroj de naciaj ĵurnaloj en alilando por informi la eksteran mondon pri la situacio en nia lando.
2. Organizi laŭplanan kolektivan korespondadon kun alilandaj neesperantistaj organizacioj.
3. Deziron komenci tian korespondadon esprimis la junuloj de Laborista Junulara Asocio, la Profesia Organizaĵo de la Poŝtistoj kaj la Kooperativa Grupo.

Evidente, niaj s-noj el Vraca rilatis tre serioze al tiu ĉi grava tasko, kiu staras antaŭ la bulgara esperantistaro. Estas notindaj ilia iniciatemo kaj la maniero per kiu ili alpaŝas al laboro: konkreteco, sento pri la realeco kaj laŭplana agado.

## SENPAGA ANONCADO

Por ebligi kaj faciligi plej vastan internacian kontakton de alinaciaj samideanoj kun la bulgara esperantistaro, „Internacia Kulturo" de nun senpage publikigos korespond-anoncojn de alilandaj korespondemuloj. Bulgaraj adresoj estos presigataj nur kontraŭ pago — 100 lev. por linio aŭ parto de linio.

Adreso: red. „Internacia Kulturo" str. Graf Ignatiev 2, Sofia.

# DEK NOVAJ ESP.-CITADELOJ FORMITAJ

LA NOMBRO DE LA SOCIETOJ KRESKIS PER 30%

Ni ricevas sciigojn pri grava pliviglîĝo de la Esperanto-movado en nia lando. Multon kontribuis por tiu ĉi pliviglîĝo ankaŭ la 28-a Landa Kongreso, okazinta en Septembro.

Ĉi-sube ni donas la liston de dek noveformitaj E-societoj, kiuj enverŝas siajn freŝajn fortojn en la noblan pacan batalon de la bulgara esperantistaro por internacia kunligo, solidareco kaj internacia kulturo!

Bonvenon kaj fruktodonan laboron al la novaj kunbatalantoj! Antaŭen al la venko!

CK de BEA

NOMARO DE LA NOVAJ SOCIETOJ

Dupnica, „Rila Verda Stelo", Ĥristo Zlatanov, agrikultura banko; Kamenica (Pazarĝik), „Stoju Kalpazanov", Al. B. Canov; Loveĉ, „Espero", Nikola P. Tâmnev, str. „Emanuilova" 7, kv. Varoŝa; Novi Pazar, „Libero", Petr Colov, Danâĉno Upravlenie; Oreĥovo, „L. L. Zamenhof", Geogi Stanev; Panagjurište, „Nova tempo" Atanas Maĝirov, instruisto; Petriĉ, „Progreso", Georgi Andreev; Peŝtera, „Nova Epoko", Ŝterju Zaf. Kukuŝev; Pleven, „Esperanto", Menaĥem Melamed, str. „Br. Miladinovi 16; Trojan, Ern. Zisman, fabriko „Koproiz".

RENOVIGITA SOCIETO

Pleven. Jam de pli ol du monatoj la malnova esperantista societo „Esperanto" renovigis sian agadon. Nun la societo nombras 26 membrojn. Baldaŭ la membraro plimultiĝos. Ni jam varbis 10 abonantojn al „Internacia Kulturo". La varbado de novaj abonantoj daŭras. Plano por internacia korespondado estas ellaborita. La 19-an de Oktobro ni malfermos kursojn por komencantoj kaj progresintoj. Je la 24 de Septembro s-no Atanas Lakov faris detalan raporton pri la kongreso.

De la Grupo

PLOVDIV SUR SIA POSTENO

La Esperanto-movado en Plovdiv antaŭ la naŭa de Septembro 1944 preskaŭ ne ekzistis. La societo „Kulturo" formale ne estis malpermesita de la faŝista registaro, sed ĉiam, kiam nia societo kunvokis societan kunvenon, ankaŭ policano eniris kaj notis ĉion, kion ni parolis en la kunveno. La policanoj prenis la nomojn de la parolintaj samideanoj kaj post kelkaj tagoj ili estis vokataj al la policejo.

Nun alvenis novaj helaj tagoj por kultura movado en nia lando. Ankaŭ ni esperantistoj komencis kunveni kaj renovigi nian Esperanto-movadon. Rimarkinde pliviglîĝis ankaŭ nia societo „Kulturo". Dum tiu ĉi periodo ni havas jenan rezulton. Nia societo aranĝis verdan semajnon kaj eldonis propagandilojn. Ni aranĝis ankaŭ regionan Esperanto-konferencon kun reprezentantoj de la urboj Pazarĝik. Peŝtera, Asenovgrad. Ĉe la konferenco prelegis s-noj Zaprjan Zaprjanov kaj Nikola Vasilkov. Ni aranĝis ankaŭ ekspozicion. La vizitantoj restis tre kontentaj de la konferenco kaj de la ekspozicio.

Ni eldonis murgazeton kun tre interesa materialo

Nun ni reorganizas nian agadon por povi efektivigi la rezoluciojn de la kongreso. La Centra Komitato sendis al Plovdiv nian redaktoron, s-non As. Grigorov, kiu faris konferencon kun la aktivo de la societo. Ni prenis gravajn decidojn, kiuj baldaŭ faros el nia societo fortikaĵon de la Esperanto-movado en Suda Bulgario. Ni organizas la internacian korespondadon, varbas pli ol 100 abonantojn al „Internacia Kulturo", mendas 400 lernolibrojn, aranĝas kursojn.

La entuziasmo estas granda. Ni densigas niajn vicojn.

Ivan Georgiev

500 KORESPONDONTOJ EN VARNA

La Esperanto-societo „Albatro"—Varna, en sia jarkunveno, okazinta je la 26-a de Septembro 1945 akceptis jenan planon:

1. Kreo de rilatoj kun la amasaj organizaĵoj kaj organizo de korespondgrupoj. Aliĝo al la interna kaj ekstera korespondado ĝis 31. X.— 100 personoj, ĝis 31. XII. — 500 personoj.

2. Abonigo al „Internacia Kulturo" ĝis 31. X. — 100 abonantojn, ĝis 31. XII. — 120 abonantojn.

3. Supera kurso. Eduko de spertaj lektoroj. Alsociîgo de ĉiuj malnovaj esperantistoj—ĝis 31. de Oktobro la societaj membroj estiĝu 120.

4. Enrilatiĝo kun ĉiuj Esperanto-societoj en la regiono kaj kun apartaj samideanoj en la distriktaj urboj, en kiuj ne estas societoj. Ĝis 31. XII. Ni fondu tie societojn.

Ni invitas al konkurado la societojn en Plovdiv, Ruse, Vraca kaj Pazarĝik, kiuj plenumu la planon proporcie al la nombro de loĝantaro de iliaj urboj. Kiel bazo oni prenu Varna. kiu havas 70.000 loĝantojn. Ni rekomendas al la Centra Komitato tuj ekeldoni dusemajnan bultenon pri la konkurado kiu verŝajne plilarĝiĝos kaj okupos ankaŭ la ceterajn societojn en la lando. La konkurantaj societoj donu informoj je 1-a kaj 15 de ĉiu monato pri la marŝo de la konkurado.

Antaŭen, al 100 procenta plenumigo de la plano!

V. Skolufanova

ALILANDANOJ KUNLABORAS ĈE BULGARA MURGAZETO

Post la popola venko de 9-a de Septembro 1944 j. de antifaŝistaj fortoj de Patria Fronto, ni la esperantistoj de Peŝtera reorganizis nian malnovan esperantan societon kaj rebaptis ĝin, donante la nomon „Nova Epoko".

Dum la somero ni aranĝis Esperanto-kurson kun 20 partoprenantoj. Dank al la societa lektoro kaj sekretario Ŝterjo Zaf. Kukuŝev, nia kurso finiĝos kun sufiĉe granda sukceso. Post nia fruktodona 28-a kongreso, en la unuaj tagoj de nova asocia jaro, nia societo akceptas novajn junajn Esperanto-fortojn.

La societo varbis 16 abonantojn por nia asocia organo „Internacia Kulturo" kaj disvendis 50 ekz. de lernolibroj.

La societo eldonas ĉiumonate murgazeton — „Esperanto — verda Lumturo" kun tre novaj gustatempaj materialoj. Estas jam esperantistoj kunlaborantoj — korespondantoj de fremdaj landoj.

# AMERIKA AVIADISTO PAROLAS

En la mezo de monato Junio 1944, ĉe flugado super nia teritorio, grupo da amerikaj aviadistoj estis devigataj salti per paraŝutoj de difektita aeroplano. Ili estis militkaptitaj. La partizanoj de la brigado „Hristo Botev“ en Sredna-Gora eksciis, ke en unu vilaĝo troviĝas unu el la militkaptitaj aviadistoj. Oni sendis trupon, kiu sieĝis la vilaĝon kaj post kruela batalo kun la polico sukcesis savi la amerikan aviadiston kaj konduki lin kun si en la montaron. Tie la aviadisto Harold James de Ĉikago vivadis pli ol unu monaton, partoprenis en la akcioj de la brigado kaj batalis kun ekskluziva kuraĝo kaj braveco kontraŭ la faŝista polico. Tiel li ekkonis la bulgarajn partizanojn, iliajn idealojn, ilian batalon, kaj ankaŭ la kruelecon de la Hitleragentoj en Bulgario, ilian kontraŭpopolan politikon kaj forrabadon, kiun ili faris al la bulgara popolo. En la lastaj tagoj de Aŭgusto niaj partizanoj sukcesis trakonduki la amerikan aviadiston al serba teritorio, kie li aliĝis al la popol-liberigaj armeoj de marŝalo Tito kaj en iliaj vicoj daŭrigis la batalon kontraŭ la teŭtonaj konkerantoj de la Balkana duoninsulo.

De tie nome, Harold James sendis varman dankleteron al siaj harditaj amikoj partizanoj de la brigado „Hristo Botev“. Du tagojn post la 9. de Septembro 1944 H. James alvenis en Plovdiv, kie li trovis siajn amikojn en la jam liberigita de la faŝista jugo Bulgario kaj buŝe esprimis al ili siajn gratulojn pro la venko al la sanga faŝismo kaj sian admiron pro ilia heroa batalo, fininta per tiu brila sukceso. Ni transdonas la tutan dankleteron de Harold James al la partizanoj de la brigado „Hristo Botev“, skribitan je la 1 de Aŭgusto 1944 de Serbio.

Balkano, 1 de Aŭgusto 1944 j.

Al miaj tre bonaj amikoj bulgaraj partizanoj.

Ne ekzistas maniero, per kiu mi plene povus rekompenci, miaj amikoj, pri ĉio, kion vi faris por mi. Se ne estus via afableco kaj kuraĝo, mi devus pasigi multajn malhelajn tagojn en iu malliberula faŝista koncentrejo. Vi decidis oferi vian vivon por savi min de la faŝistoj.

Mi vivis kun vi pli ol unu monaton, manĝante de via nutraĵo kaj dormante en via tendaro. Vi donis al mi vestiĝi per varmaj vestoj. Vi donis al mi la plej bonan, kion vi havis; mi konsideras, ke vi ĝin iafoje faris kun sinoferemo. Mi dankas al vi pro via kompreno de miaj eraroj, kiujn mi iafoje faris.

Ni iradis al la vilaĝoj por neniigi la faŝistojn kaj ĉion, kio estas faŝista. Ni estas alinacianoj, vi bulgaraj partizanoj kaj mi amerika aviadisto. Ni ambaŭ flankoj estas en batalo por la sama idealo: libero de la lingvo, de la vivo, libero kaj pureco de la feliĉo. Ni ambaŭ flankoj kredas en la regado de la popolo kaj por la popolo. Se estas popoloj kiel la via, kredantaj en tio, kio estas prava kaj bona, tiam neniam ree establiĝus la faŝista reĝimo.

Vi, partizanoj, estas la vera popolo de Bulgario. Post kiam tiu ĉi milito finiĝos kaj ni atingos plenan venkon, vi, la popolo de via lando, estos la gvidantoj de Bulgario. Mi estas konvinkita, ke vi finkonstruos novan kaj pli bonan Bulgarion, ŝtaton por la popolo.

Mi kredas, ke iutage iu el vi povas veni al Usono, al nia lando; tiam mi povus gastigi lin, por rekompenci lin pri ĉio, kion vi faris al mi. Mi estas certa, ke al vi plaĉos Usono. Usono estas ŝtato simila al la via. Ĝi estas popola ŝtato. Tie ne estas faŝistoj, ne estas unupersona aŭtoritato, kiu regadus la ŝtaton. Vi ankaŭ ĝojos pri la persona maniero de vivado. Ĉiu estas via amiko kaj najbaro kaj preta helpi al vi per ĉio, per kio li povas kaj kiel li povas. Se vi deziros konstrui vian domon en Ameriko, tie vi povas komenci ĉian komercon kaj okupon, kiun vi deziras. Tio estas unu el viaj multnombraj rajtoj kiel civitanoj.

Se mi povas fari ion por vi — iamaniere, ne ĝenu turni vin al mi. Mi estas en via vivo amata amiko kaj kamarado. Mi sentas min ankaŭ kiel unu el vi. Sed mi ne povas min nomi oficiale partizano, ĉar mi antaŭ ĉio estas usona soldato.

Sed mi estas kun vi laŭ racio kaj idealo.

Mi finas kaj ree volas danki al vi, al ĉiu el vi.

Mi dankas al vi, Kamen, por via afableco kaj konsideremo. Al vi, Stefka, por via instruado kaj penado instrui al mi la bulgaran lingvon, al vi Stefan kaj Vasko, por la nutraĵo, kiun vi preparis por mi.

Mi volas mencii ĉiun el viaj nomoj en tiu ĉi letero.

Sed mi devas danki al vi, kamaradoj, el la profundo de mia koro.

Konservu vian bonan aferon. Vi havas parton, helpante por la proksima fino de tiu ĉi milito.

Mi esperas, ke la milito baldaŭ finiĝos, tiel ke ĉiuj el vi povos reveni al siaj hejmoj, ĉe la amataj estaĵoj. Do „Ĝis revido“ por nun, kamaradoj „Morton al la faŝismo!“.

Via ĉiam dankema amiko

Harold D. James.

---

## DU KARIKATUROJ DE ILIJA BESHKOV



Bulgara civitano 1939—1944 aŭskultadis persiste la malpermesitajn radio-disaŭdigojn riskante sian liberecon kaj eĉ la vivon.



Mikado — modelo 1945

---

KARA LEGANTO,

Ĉu tiu ĉi numero plaĉas al vi? Kio NE plaĉas kaj pro kio? Kion vi volas legi en la sekvantaj numeroj? La redakcio tre dankus al vi, se vi tuj sciigus al ni vian opinion per poŝtkarto.

# INTERNACIA KORESPONDADO

Laŭ decido de la 28-a Esperanto-Kongreso, la raporto de s-ano As. Grigorov aperas en aparta eldono, kune kun aliaj kongresmaterialoj. Nun ni donas parton de la raporto.

## IMITINDAJ EKZEMPLOJ

Mi nun donos ekzemplojn kiel ni devas korespondi. La UNUAN ekzemplon mi ĉerpos el „Bulg. Esperantisto", de 1939, en kiu mi tiutempe skribis: „S-ano Panajot Botev, instruisto en vilaĝo Balgarsko Slivovo, regiono de Sviŝtov, korespondis kun franca instruisto, kiu sendis al li pakaĵon kun infanaj manlaboraĵoj: bildoj, brodaĵoj, plektaĵoj, geografiaj kartoj, ilustraĵoj kaj leteroj de francaj infanoj. Tiuj objektoj estis destinitaj por la bulgaraj infanoj, instruataj de s-ano Botev.

La ĝojo pri la karaj donacoj en la bulgara vilaĝo estis nepriskribebla: ĝojis ne nur la infanoj; ĝojegis kaj entuziasmiĝis pri tiu ĉi pruvo de internacia amikeco kaj solidareco ankaŭ la gepatroj de la infanoj. Ili alportis al s-ano B. monerojn kaj petis lin, ke li kolektu objektojn kaj helpu sendi respondojn al la malproksimaj nekonataj amikoj de iliaj infanoj.

DUA ekzemplo: En urbeto Krĝali estis kelke da samideanoj, laboristoj en tabak-manipulejoj (estas konate, ke Krĝali estas tabak-industria urbo). Niaj samideanoj proponis al la tabak-laboristoj en unu fabriko sendi leteron kolektivan al la laboristoj de tabakfabriko en Tuapse, Kaŭkazio (Sovetunio). La laboristoj skribis leteron, en kiu ili sciigis al siaj rusaj k-doj la vivkondiĉojn, ĉe kiuj ili laboras, la mizerajn salajrojn, la malbonajn higienajn kondiĉojn k. t. p. Samtempe ili demandis pri la vivo kaj laborkondiĉoj en Tuapse. La letero, kiu estis verkita en bulgara lingvo, estis laŭtlegita kaj aprobita de la kunveno de la tabaklaboristoj kaj subskribita de ĉiuj. Niaj samideanoj sendis la originalan bulgarlingvan leteron, ĝin akompanante per esperanta traduko, al esperantistoj en Tuapse kaj petis ilin retraduki la leteron en la lingvojn rusa, tatara k a., parolatajn de la tabaklaboristoj en Tuapse.

Responde al la bulgara letero, baldaŭ venis al Krĝali respondo de Tuapse; ĝi estis belega entuziasmiga letero, provizita per multe de subskriboj. Ricevinte la leteron, kiu estis akompanata de esperantlingva traduko, niaj samideanoj retradukis ĝin en bulgaran lingvon kaj laŭtlegis ĝin ĉe kunveno de la tabaklaboristoj.

## KION MONTRAS NIA ANALIZO

Ni ne citos aliajn ekzemplojn. Da tiaj estis multaj. Sed se ni analizus la ĉi suprajn du okazojn — kion ni konstatus? Ni konstatus, UNUE, ke la rolo de Esperanto estis tre modesta — nur de traduklingvo; DUE, ke estis farata absolute nenia propagando por Esperanto, ne estis eĉ menciata ĝia nomo; TRIE, ke la centro de la pezo kuŝis sur la fakta flanko de la korespondado — ne la korespondado mem kiel celo, sed la deziro ekscii pri la labor- kaj vivokondiĉoj en Tuapse aŭ la deziro ricevi pentraĵojn k. a. objektojn el Francio; KVARE, ni tute ne devas akcenti, ke Esperanto estas sola kaj unika lingvo, kiu pro sia facileco ktp. devus esti la peranta lingvo. Male, ni mem proponu, ke oni utiligu iun fremdan lingvon por la korespondado, ekz. rusan aŭ francan. Karaj samideanoj, NENIU decidiĝus skribi en fremda lingvo leteron! La konkludo estas, ke nia Esperanto vere estas nepre necesa, utilega instrumento de internacia komunikiĝo kaj ke ni ne devas timi konkuradon. Pro tio ni devas toleri proponojn pri uzo de aliaj lingvoj, ĉar finfine, se eĉ troviĝus homo perfekte uzanta nacian lingvon, ni nenion perdus el tio, male, ni povus paralele kunlabori sur la internacia kampo. Sed, mi ripetas, ĉe ni en Bulgario oni bedaŭrinde ne scipovas fremdajn lingvojn, kun maloftegaj esceptoj. KVINE, rezulto de tiu ĉi maniero de korespondado estis la plena interesigo de granda amaso de partoprenantoj ĉe la korespondado — ĉiuj tabaklaboristoj de la manipulejo en Krĝali, ĉiuj lernantoj de s-ano Botev; SESE, la intereso etendiĝis eĉ plu — venis la gepatroj de la infanoj, por helpi kaj kuraĝigi la korespondadon, sendube interesiĝis multe kaj multe da laboristoj en la tuta urbeto. SEPE, la letero de la bulgaraj laboristoj kaj la respondo de Tuapse aperis presite en nia laborista bulgarlingva gazetaro; en vilaĝo Balgarsko Slivovo estis organizita ekspozicio de la interŝanĝitaj infan-objektoj; OKE — en Krĝali, sen ajna poresperanta propagando, estiĝis grandega, la plej grave — daŭra kaj firma intereso pri nia lingvo, la postsekvintaj Esperanto-kursoj estis vizititaj persiste ĝis la fino, neniu kursano povis esti forŝirita de la kurso, malgraŭ la kritikado de malamikoj, ĉar ĉiu laboristo per la propraj okuloj vidis la praktikan utilon de la lingvo, kaj li deziris mem korespondi kun alialando.

## KONKLUDOJ

1. Oni ne devas propagandi Esperanton per la ĝisnuna bruplena maniero.

2. Oni devas kunligi sin kaj apogi sin sur la larĝa kaj firma bazo de la amasoj, organizante kolektivan internacian korespondadon. Ni nun havas la kondiĉojn por tio, ĉar la milito finiĝis kaj ekestis periodo de paco, ĉar en Bulgario la faŝismo estas renversita kaj estas enkondukita libera demokratia reĝimo.

3. Por atingi tion, t. e. por kunligi sin kaj apogi sin sur la amasoj, oni devas vivi socian vivon. Oni ne devas sin izoli, vivi individue, male, oni devas membriĝi kaj aktive partopreni en la profesia organizacio, en la kvartala grupo, en la sporta societo, en la kooperativo, en la legejo. Oni devas krei al si aŭtoritaton per sia konduto, honesteco, laboremo, aktiveco, ne montri sin kiel superhomo, ne paradi per la scio de Esperanto, ne tedi al la kolegoj, ĝin ĉiam ripete propagandante.

4. Oni devas efektivigi faktojn kiel la du montritajn ĉi supre kaj eĉ atingante ilin, ne paradi per ili, sed lasi, ke ili parolu per si mem. Tio donas seriozecon kaj ne intencecon al la propagando.

5. Nun ni venas al la grava punkto: klamaniere ni organizu nian pres-laboron. El la ĉi-supra ekspozo estas klare, ke ni devas meti ankaŭ la gazetaran laboron sur la bazo de nia praktika, peresperanta (sed ne por-esperanta) laboro. Tio signifas — presigi antaŭ ĉio korespondaĵojn k. a. materialojn ricevitajn per Esperanto. Se ni persiste kaj konstante provizus la redakciojn de nia gazetaro per taŭgaj korespondaĵoj, la redakcioj mem serĉus nin.

Nia gazeto „Internacia Kulturo" intencas per ĉiuj fortoj kaj rimedoj servi al la praktika uzo de nia lingvo, organizante internacian korespondadon. Ĝia „dua etaĝo", tio estas la lastaj paĝoj, kiuj okupiĝas pri esperantaj aferoj, servos por tiu ĉi celo.

## Al la leganto

Vi jam prenis en la manon kaj trafoliumis la unuan kaj la duan numerojn de „Internacia Kulturo". Ĉu ĝi trovas vian tutan aprobon en sia nuna aspekto? Ĉu ĝia aranĝo plaĉas al vi? Ĉu ĝia legado interesas vin? Jen insistaj demandoj, kiujn ni direktas al vi kaj al kiuj ni esperas ricevi vian respondon. Nur per viaj kritikoj, konsiloj, sugestoj ni povas tute kontentigi vin en la venontaj numeroj. Ne forgesu ankaŭ, ke ni atendas ricevi de vi ĉiujn bonkvalitajn kunlaboraĵojn por la diversaj rubrikoj de la revuo.

La plej bona respondo, kiun vi povas fari al ni, estus helpi en varbado de novaj legantoj kaj abonantoj. Neniu varbato diru, ke li jam abonas plurajn gazetojn kaj pro tio ne povas interesiĝi pri nia revuo: ĝi ja tute diferencas de aliaj revuoj, kaj krometre grave, ĝi estas la plej malmultekosta revuo! Do, samideano, se vi mem plezure akceptis ĝin, se vi estis ĝojigata per ĝia enhavo kaj konvinkiĝis pri ĝia vivoraĵto, konvinku ankaŭ vian kunulon, vian samgrupanon, vian esperantistan amikon pri tio; montru al li la revuon kaj la tarifon, kiu estas tiel modera kompare al la amplekso kaj al la bela aspekto, ke neniu emus rifuzi aboni ĝin.

Bonan sukceson!

La redakcio

### KOMENCU KORESPONDI

La redakcio de „IK" sendos senpage belan Esperanto-libreton al ĉiu bulgara samideano, kiu ĝis la 30 XI 1945 informos la redakcion, ke li jam korespondas kun alilanda samideano. Por ricevi la premion oni devas sendi al la redakcio la leteron ricevitan de la fremdlanda samideano, kune kun la koverto; tiu letero estos tuj resendota.

### MALAVARA DONACINTO

S-ano Todor Iŝev, membro de la Plovdiva societo, donacis al la Asocio libro-varon kostantan pli ol 10.000 levojn. Al la malavara donacinto koran dankon!

### AL NIAJ LITERATURAJ KUNLABORANTOJ

La redakcio petas la tradukontojn de versaĵoj el la bulgara lingvo ĉiam akompani la tradukojn kun la originalaj versaĵoj. La redakcio konservas por si la rajton korekti sendatajn manuskriptojn, originalajn aŭ tradukitajn.

La aŭtoro ĉiam notu sur la manuskripton mem sian plenan adreson.

Traduko-kapablaj samideanoj estas petataj anonci sin ĉe la redakcio, kiu komisios al ili tradukadon de literaturaĵoj.

### SAMIDEANOJ,

Pagu tuj vian abonon! Ne atendu la finon de la jaro.—La redakcio penos doni al vi regule la gazeton.

## HAVIGU AL VI

Literaturon kaj insignojn de la Asocio. Per tio vi materiale helpos gin

| | | Prezo lev. |
|---|---|---|
| 1. | ASEN GRIGOROV. LERNOLIBRO DE ESPERANTO | 60 |
| 2. | IV. GEORGIEV—T. IŜEV. RIDO SANIGAS (ELEKTITAJ HUMORAĴOJ) | 20 |
| 3. | G. GAŜEVSKI. ESPERANTO-ŜLOSILO | 15 |
| 4. | G. GAŜEVSKI. LEGOLIBRO | 30 |
| 5. | G. GAŜEVSKI. ESPERANTO-BULGARA FRAZARO | 20 |
| 6. | IVAN VAZOV. NOVAJ BULGARAJ RAKONTOJ | 40 |
| 7. | A. KARALIJĈEV. LA PONTO | 20 |
| 8. | ERNST DREZDEN. ZAMENHOF—VIVO KAJ VERKADO | 20 |
| 9. | ESPERANTO-INSIGNOJ, MEZGRANDAJ | 60 |
| | POR LA SOCIETOJ, ĈE GRUPAJ MENDOJ DE PLI OL 20 EKZ. | 50 |

Adreso: Bulg. Esp. Asocio, Graf Ignatiev 2, Sofia

## INTERNACIA KORESPONDADO

En la gazeto „Egipta Esperantisto" aperanta en Kajro ni trovis kelke da korespond-adresoj.

Publikigante ilin, ni avertas niajn legantojn, ke ili ne estas destinitaj por bulgaroj. Ni tamen esperas ke se de bulgara flanko estos proponata korespondado, la anoncintoj ne rifuzos respondi. Niaj bulgaraj amikoj petu, ke la anoncintoj, en okazo de nedeziro aŭ neebleco korespondi, transdonu la proponojn al siaj Esperanto-amikoj. Jen estas la adresoj:

S-ino E. Bateman, 61 Jackson Ave. Rochester, Kent, England.

Ge-sroj, A. V. Gassiet, 5 Verco Ave. Lower Mitcham, Adelaide, South Australia.

Prof. D. G. Brooks, 623 W. State St., Milwaukee 3, Wisconsin, USA.

S-ino Irène Fink, 5 Rue Savorgan de Brazza, Casablanka, Marocco.

S-ro D. S. Magnusson, Bergsfadastraeti. 30 B, Reykjavik, Iceland.

S-ro Michael Barchon, 10 Quai Ste. Claire. Romans. Drôme, France.

F-ino Pearl Loveland, 1723A. N. Humboldt Ave. Milwaukee, Wisconsin, USA.

F-ino June Krogh, 1718-B S. Seventh St., Milwaukee, Wisconsin, USA.

F-ino Violet Bakas, 1323-W, Juneau Ave. Milwaukee 3. Wisconsin, USA.

S-ro Tony Nabby, 133 W. National Ave. Milwaukee 4, Wisconsin, USA.

F-ino Fern Federman, 720 W, Hadiey St. Milwaukee 6, Wisconsin, USA.

F-ino Dorothy Polekowski, 831 W. Maple St., Milwaukee, Wisconsin, USA.

F-ino Cleo Drew Dotson, 1221 W, Nighland Ave. Milwaukee 3, Wisconsin, USA.

S-ro Norbert Siglinski, 4169 N, 21 St., Milwaukee 9, Wisconsin, USA.

S-ro John F. Kroczek, 3829 S, Clement Ave, Milwaukee, Wisconsin, USA.

# INTERNACIA KULTURO

Monata gazeto (malnova „Bulgara Esperantisto"), organo de Bulgara Esperantista Asocio

JARABONO 200 LEVOJ — JARO 1, OKTOBRO 1945 — № 2

Redaktoro: ASEN GRIGOROV

Redakta komitato: Kojĉo Aleksandrov, Nikola Aleksiev, prof. Aleksandr Burmov, Georgi Dikovski, prof. Petr Dinekov, Ivan Dobrev, prof. d-ro Stojan Guĝev, Vitali Julzari, prof. Vasil Peevski, Ivan Sarafov

Adreso: str. Graf Ignatiev 2, Sofia — Bulgario

## FONDUSO „INT. KULTURO"

| | | Lev. |
|---|---|---|
| 1. | Esperanto-societo „Kulturo", Plovdiv | 3.000 |
| 2. | „ „ „David Sasonov", Asenovgrad | 1.070 |
| 3. | K. D-va, Kilifarevo | 500 |
| 4. | Georgi Savov, Peshtera | 200 |
| 5. | Esperanto-societo „J. Petkov", Burgas | 6.565 |
| 6. | „ „ „Sukceso", Lom | 3.095 |
| 7. | Dim. Andreev, Asenovgrad | 500 |
| 8. | Nikola Peev — foto „Esperanto" | 500 |
| 9. | Ivan G. Dimitrov | 500 |
| 10. | Kolju Petrov, v. Vetren | 100 |
| 11. | Petko Bonev, Sofia | 820 |
| | Entute | 16.850 |

## DEZIRAS KORESPONDI

S-ro Dumarquez, lernejestro en Desvres, Pas de Calais, Francio, gvidas du kursojn: unu por 34 lernantoj de sia kompletiga kurso, alia por 60 gejunuloj. Li estus tre dankema al personoj, kiuj povus sendi al li: 1-e) adresojn de korespondantoj (respondo garantiata), 2-e) esperanto-presajojn ĉiuspecajn (turismaj reklamoj ktp.) por rekompenco al la kursanoj.

Anton Slatinek, Sv. Lovrenc na Poh., Slovenio, Jugosl. deziras korespondi kun bulgaraj s-noj.

### LETERO DE JUGOSLAVIO

Leginte antaŭ kelkaj tagoj artikolon en nia loka gazeto, kiu sciigis pri la Bulgara esperantista kongreso mia koro ektremis de ĝojo. Ho kia feliĉo! „Ne mortos jam nia bravega anaro..."

Sentante min ano de Esperantistaro, sincere mi sentas ankaŭ bezonon kaj devon sciigi aliajn pri mia movado kaj igi ilin lerni la karan kaj utilan internacian lingvon. Sed nenian eĉ plej malgrandan pruvon pri ĝia nuna praktika uzo mi havas, eĉ ne unu gazeton aŭ libron mi posedas. Tial mi turnas min al vi, karaj fratoj kaj samideanoj, se estas eble, helpu al mi per alsendo de ia ajn Esperanto-materialo, gazetojn aŭ librojn el kiuj oni povas vidi gravajn esperantistajn okazintojn kiel kongresojn, kunvenojn ktp. Bonvenos al mi leteroj de bulgaraj esperantistoj.

Ljudevit Negovetiĉ

Kralja Tvrtka ul. br. 1. — IV Sarajevo, Jugoslavio

# NOVAJ 1500 ABONANTOJ!

Konforme kun la decido de la ĵus okazinta kongreso de la bulgara esperantistaro, „INTERNACIA KULTURO" estas daŭriganto de „Bulgara Esperantisto". Ĝi komencas aperi en DUOBLA AMPLEKSO — 16 paĝoj de granda formato. La Asocio kaj la redakcio zorgas pri ĝia ĉiuflanka plibonigo: oni postulos pli bonkvalitan paperon, oni publikigos pli da kliŝoj, estos plibonigata la redaktmaniero, oni altiros ankaŭ internacian kunlaborantaron.

Por povi facile elteni ĉe la minimuma abonpago de 200 levoj por la jaro, al „INTERNACIA KULTURO" estas necesaj novaj

## 1500 ANTAUPAGINTAJ ABONANTOJ

Bulgaraj esperantistoj!

Ni varbu ilin ĝis 25 XI 1945! De ni la movado atendas ne nur parolojn kaj decidojn, sed ankaŭ farojn!

Aktivuloj, organizitaj kaj neorganizitaj samideanoj tra urboj kaj vilaĝoj! „INTERNACIA KULTURO", via hela torĉo, devas ankoraŭ pli hele lumi! Efektivigu ĉiuloke kampanion por

## NOVAJ 1500 ABONANTOJ ĜIS 25 XI 1945

Por la celo: a) tuj pagu vian abonon de 200 lev.; b) kolektu de ĉiuj lokaj eksabonantoj de la asocia gazeto kaj de aliaj amikoj de la lingvo internacia la abonon por la kuranta jaro; c) la societoj ellaboru konkretajn planojn, konforme kun la lokaj kondiĉoj (kiel ĝin faris la sosieto en Pazarĝik), kiuj planoj estu plenumataj ĝis 31 XI; d) oni rekomendas abonigon de niaj Esperanto-korespondantoj en alilando (la abono por fremlando, pagita de bulgaraj samideanoj, estas 250 levoj).

Ni ne lasu eĉ unu esperantiston nevizitita kaj neabonigita!

Ĉiu aktiva samideano, por ĉiuj 5 abonoj, varbitaj de li de 1 XI ĝis 31 XII ricevos donace belan Esperanto-libreton!

La societoj kaj la aktivaj esperantistoj, kiuj atingos kaj superos la rezultojn de la antaŭmilitaj jaroj, estos registrataj en la honoran Verdan Tabulon.

LA REDAKCIO



